

# La Amsterdama Katedro

**Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.**

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: komence de ĉiu kvaronjaro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (8) 4/2009, oktobro 2009

---

*La Amsterdama Katedro* estas kvaronjara retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto. Ĉi tiu dokumento estis aktualigita la 12an de oktobro 2009 kompare kun la versio de la 10a de julio.

**La ĉefaj projektoj**

**Instr-E** En junio finiĝis la katedra kurso de Esperanto, kiu estis komencita la 3an de februaro. Sukcese ekzameniĝis 13 el 14 studentoj, dum unu forlasis la kurson (kaj la universitaton entute) pro personaj cirkonstancoj. La sekvanta Esperanto-kurso komenciĝos en februaro 2010. La kurso mem jam estas proklamita (vidu: http://studiegids.uva.nl/web/sgs/nl/c/7731.html), sed la horaro restas difinota kaj la registrado de studentoj ne jam malfermiĝis. Nove enkondukitaj postuloj por la studentoj estas la aĉeto de la porkomencanta libreto *Poŝamiko* kaj de la Esperanta-nederlanda vortaro de FEL.

**Instr-I** La 1an de septembro komenciĝis la ĉi-semestra kurso pri interlingvistiko, kiun partoprenas 15 studentoj. La kurslibro pri interlingvistiko *Inleiding in de Interlinguïstiek* estas aktualigita por adaptiĝi al la bezonoj de novtipa kurso, kiu estas kombino de prelegoj kaj de 'seminarioj'. Aldone al la kurslibro, ankaŭ ĉi-kurse *Poŝamiko* fariĝis deviga studmaterialo. La kursdifino estas trovebla en http://studiegids.uva.nl/web/uva/sgs/nl/c/4768.html kaj la lekcioj kaj seminarioj okazas ĉiun mardon de la 11a ĝis la 14a horo en la salono 631 de la Hooft-Domo.

**NTU-E** Daŭras la projekto pri elnederlandaj pruntaĵoj, kiuj aperis neologisme aŭ prunt-traduke en Esperanto. Nuntempe estas ekzamenataj angla kaj rusa vortlistoj de nederlandaĵoj kiel eventualaj fontoj de 'duamanaj' nederlandaĵoj en Esperanto. Fine estos esplorata la kampo de eventualaj rektaj transprenoj de Esperanto el la nederlanda.

Ĉu la tuta projekto ne povus doni interesajn esplortaskojn por lokaj kluboj aŭ izolitaj membroj, posedantaj propran kolekton de libroj tradukitaj el la nederlanda aŭ revuoj publikigitaj aŭ daŭre publikigataj en Nederlando aŭ Flandrujo?

**Daŭre atentindaj**

- DARE aŭ *Digital Academic Repository* estas la elektronika deponejo de publikigoj de membroj de UvA: http://dare.uva.nl/. Se vin interesas la deponitaj verkoj de WJ, tajpu 'w.h.jansen' sen citiloj en la maldekstran serĉlinion kaj alklaku 'zoek'. Elŝuteblaj verkoj estas markitaj per la konata PDF-simbolo. Ne ĉiuj eldonejoj permesas la liberan elŝuteblon de deponitaj verkoj, tiel ekzemple Benjamins, la eldonisto de LPLP.

- Ne malproksime de la oficejo de WJ instaliĝis la usona lingvisto kaj Esperanto-parolanto Leston Buell kiel gastesploristo ĉe UvA. Mi rememorigu vin pri lia esperant-lingva hejmpaĝo: http://www.fizzylogic.com/users/bulbul/hejmpagxo.html.

- Studentoj, kiuj volus memstare studi Esperanton, povas turni sin al la *mediatheek* aŭ memstudejo de la universitato en la Hooft-Domo. La universitato disponas pri po du ekzempleroj de la lernolibro de Stano Marček en la nederlanda kaj angla versioj kaj instalis la prononcmaterialon sur la komputilan servilon de la memstudejo, por ke ĝi estu paralele uzebla de pluraj studentoj.

**Aktualaĵoj**

- Pri la mentorado de la studentino Adi Bramasto, preparanta sian bakalaŭran disertaĵon ĉe la universitato de Padjadjaran en Indonezio, mankas novaĵoj en tiu ĉi momento.

- La festparolado por celebri la enposteniĝon de la katedrulo pri Interlingvistiko kaj Esperanto okazis la 4an de septembro, je la 14:30 horo, en la aŭlo de la universitato. Vizitis la publikan eventon cento da personoj, inter kiuj multaj esperantistoj. La teksto de la parolado (en la nederlanda lingvo: *Esperanto, een taal om van te houden*, t.e. 'Esperanto, lingvo aminda') aperis broŝurita ĉe *Amsterdam University Press* en la norma formato, kiun la universitato uzas por ĉiuj siaj katedraj inaŭguroj. Tuj post la ceremonio ĝi estis distribuita al ĉirkaŭ 150 invititoj kaj aliaj interesitoj. La originala PDF-formata teksto estis liverita al http://www.edukado.net/ kaj http://www.iei/ por elŝutebla enretigo. La publikigo de iom kompletigita dulingva Esperanta-nederlanda artikolversio estas preparata.

- Vizitis la katedron prof-o GOTOO Hitosi la 6an de oktobro. Li partoprenis kiel gasto dum la unua horo de la tiumarda leciono de interlingvistiko kaj diskutis kun la studentoj, jen angle jen Esperante kun interpretado fare de WJ, pri la fremdlingva instruado en Japanujo kaj pri la malfacilaĵoj, kiujn starigas la angla kaj Esperanto kiel 'eŭropaj' lingvoj al japana lernemulo. Prof-o GOTOO ankaŭ vizitis la ĉefon de la katedrogrupo pri teoria lingvistiko, prof-on Hengeveld (unu el la kuratoroj de la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto) kaj la sekcion pri latinidaj lingvoj por diskuti temojn de komuna intereso.

- Membroj de la Babela Esplorgrupo kunvenis la 9an de oktobro kaj ĉeestis prezentadon de d-rino Virginie Mamadouh, esploristo ĉe la fakultato pri sociaj sciencoj, pri la lingva situacio kaj lingvopolitiko en Eŭropa Unio (EU). El nia rondo partoprenis WJ kaj Hans Erasmus. Ĉiuj aspektoj de la grandiĝanta kaoso estis vigle diskutataj: la plukreskanta angliĝo de la kontinento, la formalaj kontraŭstaroj de la Eŭropa Komisiono kaj ties neformala cedemo, la ekonomiaj aspektoj de la angliĝo kaj de la propono pri Esperanto (prezentita dum la ĵus okazinta konferenco de la babelanoj en Budapeŝto), k.t.p.

Estis ankaŭ menciite, ke la esplorpropono de UvA kaj la irlanda universitato de Maynooth al EU, en kiu estis partoprenontaj WJ kaj Angela Tellier (konata de la programo *Springboard* aŭ 'Lingvolanĉilo'), finiĝis en la dua pozicio de la definitiva klasifiko: malvenkis. Post la unua disigo de ŝanc-havaj kaj senŝancaj kandidatoj, antaŭ kelkaj monatoj, UvA troviĝis inter la kandidataj venkontoj, sed en la definitiva asigno ni devis cedi la venkon al alia konsorcio. Detaloj ne estas konataj, sed esperebble sekvos en la januara numero de tiu ĉi bulteno.

- La 10an de oktobro WJ prezentis esencajn informojn pri la Amsterdama katedro al la partoprenantoj de la Faulhaber-Konferenctago, organizita de Esperanto Nederland. En la dua parto de sia prezento, WJ iom laborigis la publikon, submetante ĝin al kelkaj taskoj el sia enketo pri la vortordo en Esperanto. La rezultoj estis mallonge ilustritaj, sed pli detala ellaboro sekvos aparte por proponata publikigo en Fen-X.

- La 19an de novembro WJ tenos la t.n. Buchanan-prelegon en la Universitato de Liverpulo. La prelego konsistos el koncizigita kaj iom adaptita anglalingva versio de la Amsterdama festparolado de la 4a de septembro. Pri la eventuala publikigo de tiu anglalingva teksto decidos la britaj invitintoj, BEA.

**Aldone**

- Tute sendepende de sia katedra laboro, WJ estis petita de UvA krei novan kurson kun la titolo 'Lingvoj en kontakto, lingvoj en konflikto'. Temas pri tutsemestra, 10 ECTS-poenta kurso lingvo-politika, kiu konsistas el serioj da lekcioj kaj seminarioj. Kunlaboras en ĝi kvin docentoj; duopo el ili alterne gvidas la lekciojn, tri entute direktas la seminariojn pri konkretaj kazoj. WJ estas en ambaŭ kategorioj kaj, krome, kunordigas la tutan organizon. La kurso komenciĝis la 1an de septembro kaj daŭros paralele al la kurso pri interlingvistiko ĝis la fino de la kuranta semestro. Ĝin sekvas 29 studentoj.

  La temoj, pri kiuj WJ instruas kaj gvidas seminariojn, estas: historiaj kaj nuntempaj karakterizaĵoj de la unuecigo de la eŭskaj dialektoj kiel aspektoj de lingvoplanado; lingvoplanado kaj lingvopolitiko kun speciala atento al Eŭropo; aspektoj de lingvo kaj potenco: la eŭska inter la franca kaj hispana, kaj la nederlanda apud la angla; leksikaj sekvoj de interlingvaj kontaktoj kun speciala atento al la nederlanda kiel prunteprenanta kaj pruntedonanta lingvo. Devigaj literaturaĵoj estas Phillipson 2003: *English-Only Europe?* kaj Crystal 2000: *Language Death*, plus kvin specifaj gvidiloj, verkitaj de WJ.

  Nepruvebla, sed iel imagebla estas la rilato inter unuflanke la ekzisto kaj diskonateco de nia katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto, kaj aliflanke la naskiĝo de fenomenoj kiel la Babela Esplorgrupo kaj tiu ĉi nova kurso.

W Jansen

Wim Jansen,
la 12an de oktobro 2009